# ATEISMO

## Bulteno de Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo




Protesto en Pollando por virinaj rajtoj kaj kontraŭ religia altrudo

(AP Photo/Czarek Sokolowski)

Nº 23 http://ateisto.org Novembro 2016

Malfacilas eviti mencii la ŝokan eventon, kiu okazis nur unu semajnon antaŭ ol mi komencis verki tiun ĉi redaktoran Vorton: la elektiĝon de Donald Trump. Ĝi certe kondukos al plifortigo de reakcia politiko en Usono, inkluzive plifortigon de la religia dekstro. Trump fakte ne estas religiema, sed li utiligis religion dum la elekto-kampanjo, ŝajnigis, ke li ja amas la Biblion, por altiri subtenon de kristanaj dekstruloj.

Dum la frua periodo de sia kandidateco, Trump laŭte proponis, ke Usono fermiĝu al ĉiuj islamanoj vizitantaj aŭ enmigrantaj el eksterlando, pro la perceptata minaco de tiu grupo. Nu, ĝuste la demando ĉu Islamo kaj la kreskanta islamanaro estas minaco al demokratio kaj sekularismo en Eŭropo (kaj ankaŭ ĉu reaga islamofobio estas minaco al demokratio kaj paca kunvivado) okupas grandan parton de tiu ĉi numero – ĝi estis la temo de la publika ATEO-kunveno ĉe la Nitra UK. Kvankam daŭre validas tiuj demandoj, ni ja povas vidi alian minacon al demokratio: Donald Trump! Sed certe estas tiuj, kiuj vidas lin kiel protektanton kontraŭ perceptata islama minaco en Usono kaj Eŭropo.

Minacoj al demokratio kaj civitanaj rajtoj ankaŭ aperas aliloke. Unu el tiuj lokoj estas la lando, kie mi mem loĝas, Pollando. La pola registaro provis plilimigi virinajn rajtojn rilate al abortigo, kio provokis grandajn protestojn en oktobro. Foto el la nun fama "Nigra Protesto" (tiel nomita ĉar multaj virinoj vestis sin nigre) troviĝas sur la kovrilo de tiu ĉi numero. La protestoj ja havis eĥojn tutmonde, altiris vastan atenton de la amaskomunikilaro. Kiel pola kontribuanto al tiu ĉi numero skribas, la klopodoj pliseverigi la jam severan kontraŭabortan leĝon de Pollando estis instigita de religia radikalismo. La nuna registaro estas proksime ligita al la katolika eklezio kaj facile influiĝas de politika agado katolika.

Fakte, la ligiĝo inter ŝtato kaj eklezio estas la temo de artikolo pri Rusio, kie ateistoj estas minacataj de tiu alianco, vere danĝera por libereco kaj sekularismo. Kaj nun venas al la Blanka Domo en Usono nova prezidanto, kiu admiras Putin kaj lian reĝimon. Kune, Putin kaj Trump, kiuj ambaŭ subtenas la naciismajn popolistojn en Eŭropo, minacas demokration en tiu kontinento. Iom simile, en alia ortodoks-kristana lando, Grekio, liberpensulojn endanĝerigas leĝoj kontraŭ blasfemado, situacio traktata de artikolo en ĉi numero. La ligiĝo inter politiko kaj religio ankaŭ estas la temo de artikolo pri alia grandega lando, ĝuste tiu de Trump. Dum en Rusio ateistoj frontas ŝtatan persekutadon, en Usono temas pri la efektiva neebleco de senkaŝaj ateistoj atingi politikan oficon. El vidpunkto de religio, fakte kvarono da usonanoj ne estas politike reprezentataj. Aliflanke, en Ĉeĥio, unu el la plej senreligiemaj landoj en la mondo, ateistoj ne frontas persekutadon nek politikan izoligon, sed ĝenas la materiaj privilegioj de alie preskaŭ senpotenca katolika eklezio.

Krom la ĉi-supraj seriozaj tekstoj, tiu ĉi numero iom escepte enhavas pli leĝerajn literaturaĵojn: konversacio inter ateisto kaj Dio, kaj du humurajn versaĵojn. Espereble, vi ĝuos ĉi tiujn verketojn.

Lastvice, sed ne lastrange, ĉi numero de la bulteno kun malĝojo adiaŭas tri elstarajn Esperantistojn, kiuj multe kaj diverse kontribuis al la movado, sed kiuj ĉiuj estis membroj de nia ateisma-humanisma rondo familia – Detlev Blanke, Arnold Victor kaj Paul Gubbins. Ili certe tre mankos al nia rondo kaj al la movado.

## La kreskanta islamanaro en Eŭropo: kion diras la ciferoj pri la skalo kaj minaco?

Dum la ĉi-jara Universala Kongreso en Nitra, Slovakio, la publika kunsido de ATEO vigle diskutis la demandojn “Ĉu la kresko de la islamanaro estas minaco por sekularismo kaj demokratio? Ĉu la reaga kresko de islamofobio estas minaco por demokratio kaj paca kunvivado?”, speciale la unuan. Kadre de tio, mi prezentis kelkajn statistikojn rilate al la proporcioj de islamanoj en diversaj eŭropaj landoj – statistikoj, kiuj estas sufiĉe surprizaj por multaj eŭropanoj, inkluzive la partoprenantojn de la kunsido. Mi pensis, ke estis grave prezenti tiujn statistikojn kiel bazon por la diskuto de tiuj ĉi temoj.

Estus utile denove rigardi tiujn ciferojn – kaj por tiuj legantoj, kiuj ĉeestis la kunvenon, kaj por tiuj, kiuj ne povis esti tie. Kaj ankaŭ mi iom suplementos per pluaj ciferoj, kiujn mi ne povis prezenti en Nitra pro manko de tempo. Mi komencu per la tri EU-landoj kun la plej grandaj loĝantaroj kaj ankaŭ la plej grandaj islamanaj loĝantaroj: Germanio, Francio kaj Britio. Kiom da iliaj loĝantoj estas fakte islamanoj? Nur 5.8%, 7.5% kaj 4.8% respektive.[1] Cetere la franca cifero estas la plej alta en Okcidenta Eŭropo. Sed la populara percepto en tiuj landoj estas ke iliaj islamanaj loĝantaroj estas multe pli altaj: 19%, 31%, 21% respektive. [2]

Jen la islamanaroj de kelkaj pliaj EU-landoj: Belgio 5.9%, Svedio 4.6%, Italio 3.7% kaj Hispanio 2.1%. Sed, kiaj estas la perceptoj en tiuj landoj pri la elcentoj? Respektive 29%, 17%, 20% kaj 16%.

Bone, eĉ se oni akceptas la faktajn ciferojn, oni povus aserti, ke okazas rapida kresko de la islamaj minoritatoj, tiel ke estontece la grandeco de tiu minoritato estos vera minaco al la socioj, kulturoj, kaj politikaj sistemoj de eŭropaj landoj. Sed la vero estas iom alia. Mi havas nur tuteŭropajn statistikojn kaj prognozojn, sed tio sufiĉas por montri la veran situacion. En 1990, islamanoj konsistigis 4% de la eŭropa loĝantaro. Tio kreskis al 5% en 2000, kaj 6% en 2010, [3] kaj oni antaŭvidas daŭron de tia kresko ĝis ĝi atingos pinton de 10% en 2050.[4] Nu, kresko de 4% al 6% estas 50-elcenta kresko, ŝajne granda, tamen 6% ne estas tiom, kaj la kresko popaŝe malpliiĝas: 1% aldonita al 6% estas malpli ol 1% aldonita al 4%. Tiurilate indas mencii, ke la naskokvoto de eŭropaj islamanoj falas konstante. En Francio, islamaj gepatroj nun havas meznombre 2.2 infanojn, kompare kun la nacia kvoto de 2.01, do negranda diferenco. Fakte, la tuteŭropa diferenco jam falis de 0.7 al 0.4.[5]

Ĉiuj ĉi ciferoj fakte nenion diras pri la islamanoj mem – kiuj ili estas, kiel ili pensas. Kial supozi, ke meza islamano kontraŭas okcidentan kulturon kaj demokration? Islamanoj, kiel ĉiuj aliaj, estas diversaj; ili ne estas monolita, tute sampensa grupo – troviĝas inter ili diversaj gradoj de religieco kaj integriĝo kun la ĉirkaŭa socio. Sed, eĉ pli alta grado de religieco ne nepre signifas minacon al demokratio.

Nun ni rigardu kion opinias loĝantoj de diversaj EU-landoj pri islamanoj kaj pri la demando ĉu Islamo estas akordigebla kun la Okcidento. Jen interesaj ciferoj, kiuj estas parte kontraŭaj inter si, ĉar temas pri du apartaj enketoj – kaj unu demandas pri homoj, dum la alia pri religio kiel ideologio kaj valorsistemo.

1. “5 facts about the Muslim population in Europe”, Pew Research Center, 2016;
2 “Perceptions are not reality: Things the world gets wrong”, Ipsos MORI, 2014;
3 “5 facts about the Muslim population in Europe”, Pew Research Center, 2016;
4 “10 myths about Muslim immigrants in the West”, Doug Saunders, 2013;
5 “10 myths about Muslim immigrants in the West”, Doug Saunders, 2013



militema islamisto, militema kristanisto, militema ateisto

Laŭ unu enketo, kiu esploris sintenojn en ses eŭropaj landoj, pli da homoj en landoj kun pli multenombraj islamaj minoritatoj havis favoran sintenon rilate al islamanoj ol en landoj kun malpli grandaj islamaj minoritatoj. En Francio, Britio kaj Germanio, 76%, 72% kaj 69% respektive favore rigardas islamanojn, dum en Hispanio, Italio kaj Pollando, favore sintenas 52%, 31% kaj 30%. [6] Imagu: en Pollando, kie nur 0.1% de la loĝantoj estas islamanoj, malfavore rigardas islamanojn 56%.

Laŭ la alia enketo, kiu esploris akordigeblon, en Francio 55% opinias, ke Islamo ne estas akordigebla kun la Okcidento, en okcidenta Germanio tiel opinias 50%, en orienta Germanio 57%, en Britio 47%.[7] Do oni ŝajne vidas kontraŭstaron inter la du enketoj, ekz. dum 76% da francoj favore rigardas islamanojn, 55% konsideras ilian religion neakordigebla kun la okcidenta socio.

Kion islamanoj mem pensas pri akordigeblo? Almenaŭ pri britaj islamanoj, ni povas ekscii, ke 72% malsamopinias kun la aserto, ke la okcidenta liberala socio ne povas esti akordigebla kun ilia religio. Krome, la sama enketo trovis, ke 95% sentas lojalecon al Britio.[8] Alia enketo de britaj islamanoj trovis, ke 86% el ili havas fortan senton de apartenado al Britio, kompare kun nacia averaĝo de 83%.[9] Do, tiuj ciferoj montras, ke aparteneco, ne aparteco, ĉefe karakterizas britajn islamanojn. Verŝajne, tion oni povus diri pri islamanoj en aliaj eŭropaj landoj. Krome, 96% diris, ke ili ne simpatias kun ekstremismo kaj nur 7% subtenas kreadon de teokratia kalifejo.

Tamen, por pli ekvilibre prezenti la situacion, mi ankaŭ menciu kelkajn aliajn ciferojn el tiu dua brita enketo: 52% da britaj islamanoj kredas, ke samseksamo devus estis kontraŭleĝa; 39% kredas, ke edzinoj devus esti obeemaj; kaj 23% subtenas enkondukon de ŝaria leĝaro en iuj partoj de Britio.[10] Klare, tiu lasta aparte estas ia minaco al sekularismo, dum la aliaj montras malakordon kun la nuntempaj normoj de la brita socio. Sed, ĉu 23% el 4.8% povas esti serioza minaco al la brita demokratio?

Kompreneble, Britio kaj aliaj eŭropaj landoj havas islamajn ekstremistojn, inkluzive inter imamoj, kiuj povas esti influaj en siaj moskeoj. Estas konstanta danĝero pro varbado de junaj islamanoj fare de terorismaj grupoj. Teroratakoj ja okazas foje, kiel ni vidis lastatempe en Francio kaj Belgio, atakoj kiujn islamanoj tiulandaj vaste kondamnis.

Do, kion ni ateistoj konkludu el ĉio ĉi? Kion ni faru? Ĉe la ATEO-kunveno en Nitra, oni faris bonan atentigon, ke necesas distingi inter islamanoj kaj islamistoj. La minaco venas ĉefe el la dua grupo, kiu rigardas islamon kiel religion, kiu entenas politikan projekton: la starigon de teokratia kalifejo. Sed, kiel ni vidis, en Britio nur eta procento subtenas kalifejon, kaj verŝajne similas alilande en Eŭropo. Ni ateistoj devus daŭrigi niajn klopodojn defendi kaj antaŭenigi sekularismon, apartigon de ŝtato kaj religio, kaj racian, sciencan aliron.

6 “5 facts about the Muslim population in Europe”, Pew Research Center, 2015;
7 “Islam in Europe: Perception and Reality”, The Economist, 2016;
8 Enketo de ComRes por BBC Radio 4, 2015
9 Enketo de ICM por Channel 4, 2016;
10 Enketo de ICM por Channel 4, 2016

Krome, ni subtenu diversmaniere tiujn islamanojn, kiuj jam ĉesis kredi kaj sentas sin izolitaj. Sed ni estu zorgemaj, ke ni ne falu en la kaptilon de islamofobio, kiu mem estas minaco al civilizitaj demokrataj valoroj kaj povus konduki al faŝismo.

**Nyegosh Dube (Pollando**

## Dubindaj ciferoj pri islamanoj

En Rejkjaviko mi aŭskultis pri ateistaj agadoj. Mi plene konsentis kun tiu realisma ideo kaj mi ĝojis pri sanaj, klaraj ideoj. Mi ankaŭ partoprenis prelegon similan en Oostende dum EEU-kongreso antaŭ iom da jaroj. Sed en Nitro mi estis seniluziigita.

Bedaŭrinde la prelego en Nitro dum la publika ATEO-kunveno temis nur pri dubindaj ciferoj (rezultoj de enketoj povas ŝanĝiĝi tre rapide – vidu ekzemple prognozojn antaŭ la Britelira referendumo kaj antaŭ la ĉi-jara usona prezidanta elekto), laŭ kiuj Islamo verŝajne ne endanĝerigos Eŭropon.

Miaj spertoj kun eklezioj estas sufiĉe riĉaj, ĉar mi eĉ memoras la Duan Mondmiliton kaj mian tutan vivon mi laboris kun homoj – mi estis ĉefflegistino en hospitalo. Laŭ miaj spertoj, ĉiu religio, kiu influas homojn kaj devigas ilin kredi ion nekompreneblan kun averto pri puno, estas malbona kaj danĝera, same kiel politikaj dogmoj.

**Jindřiška Drahotová (Ĉeĥio)**

## Islamanoj kaj islamofobio: du kernaj demandoj

Du parencajn demandojn oni debatis en la kunveno de ATEO dum la ĉi-jara UK en Nitro: Ĉu la kresko de la islamanaro en Eŭropo estas minaco por sekularismo kaj demokratio? Ĉu la reaga kresko de islamofobio estas minaco por demokratio kaj paca kunvivado? En tiu ĉi artikolo, mi prezentos miajn respondojn al tiuj du demandoj.

### Ĉu la kresko de la islama loĝantaro en Eŭropo estas minaco por sekularismo kaj demokratio?

Ne eblas fari ĝeneralan aserton pri islamanoj, same kiel oni ne povas fari ĝeneralan aserton pri kristanoj. Troviĝas kristanoj en ĉiuj gradoj de pieco: de la fanatikuloj en Pollando kiuj lastatempe proponis krimigi abortigon, ĝis tiuj ĉe la alia ekstremo, kiuj eniras preĝejon nur kiam ili geedziĝas. Same la islamanoj kovras la tutan gamon, de la fanatikuloj de ISIS kaj la Talibanoj ĝis modernaj junulinoj en Istanbulo en ĝinzo kaj T-ĉemizo kaj certe sen kaptuko.

Religiaj fanatikuloj, ĉu kristanaj, ĉu islamanaj, evidente minacas la demokration: ili faras sian eblon por perforte trudi siajn ekstremismajn vivregulojn al ĉiuj samlandanoj. La plejmulto da homoj, de ĉiu ajn religia kredo, volas sekvi normalan modernan vivon, kaj ne deziras, ke la propra agado estu limigata pro religiaj ideoj, kiujn ili mem ne kundividas.

Do, la ĉefa minaco por sekularismo kaj demokratio ne estas Islamo en si mem, sed ekstremistoj de ĉiuj religioj, kiuj trudas siajn proprajn kredojn al la tuta loĝantaro inkluzive de la homoj, kiuj trovas iliajn ideojn tute ne sekvindaj.

### Ĉu islamofobio minacas la demokration kaj pacan kunvivadon?

En la okcidenta socio, ni rajtas porti la vestojn, kiujn ni mem elektas. Ne okazas ĉe ni, kiel en Sauda Arabujo aŭ Irano, ke virinoj estas devigataj porti ĉiokovran mantelon kiam ili eliras, aŭ kiel okazis sub la Talibanoj, ke viroj nepre devas havi barbon. Ne ekzistas en okcidentaj landoj leĝoj pri la vestoj, kiujn oni nepre devas aŭ ne rajtas porti, krom la leĝoj rilataj al niaj tradiciaj normoj pri dececo. Oni ne rajtas iri nude laŭ la strato, kaj virinoj devas kovri siajn mamojn, aŭ almenaŭ siajn cicojn,

kvankam eĉ tio komencas ŝanĝiĝi almenaŭ sur la strando. Sed ekster tiaj leĝoj, kutime ĉiuj rajtas vesti sin laŭ sia deziro.

Armeoj, malsanulejoj kaj aliaj institucioj havas regulojn pri la vestoj, kiujn iliaj laborantoj nepre devas sekvi. En la armeo necesas porti uniformon, kaj ankaŭ membroj de la eklezio aŭ de la sanservoj portas specon de uniformo, kiu montras la rolon kaj rangon. En aliaj laborejoj ne nepre estas deklarita regulo, sed normale la dungitoj devas vesti sin konforme al la bildo, kiun la koncerna ejo deziras prezenti al la mondo, ekzemple en multaj oficejoj la viroj portas kompleton kun kravato. Tiuj estas internaj reguloj, kiujn oni devas obei, se oni laboras en tia loko, sed ili ne estas naciaj leĝoj. En majo de ĉi tiu jaro, brita oficistino Nicola Thorp protestis kontraŭ firmao, kiu insistis, ke ŝi portu ŝuojn kun altaj kalkanumoj ĉe la laboro. Ŝi argumentis, ke tiaj ŝuoj ne estas esencaj por ŝia laboro, kaj laŭ ŝi (kaj miloj da aliaj homoj) la firmao ne havas juran rajton postuli tion.

Ekzistas tamen normoj kaj tradicioj pri la taŭgeco de difinita vesto por difinita okazo, kaj la plejmulto el ni preferas resti interne de tiuj normoj. Neniu leĝo malhelpas nin iri butikumi en piĵamo, bankostumo aŭ roma togo, sed ĝenerale estas pli komforte porti pli konvenciajn vestojn. Tamen dum la ĉi-jara varma somero mi ja vidis homojn, kiuj kuŝis sur la herbo en londonaj parkoj vestitaj en naĝkostumoj, kaj tio estas ofta vidaĵo ankaŭ en butikoj apud la marbordo.

Tiu iom longa enkonduko portas min al nia temo: ĉu islamofobio minacas la demokration? Se pro timo aŭ malamo kontraŭ Islamo oni ekfarus leĝojn por malpermesi agojn, kiuj antaŭe estis permesataj, la respondo estus jesa. Kaj tiaj leĝoj ja komencas ekesti. Ĝis 2011 en Francujo neniam estis leĝo, kiu malpermesis al la homoj kovri sian vizaĝon en publikaj lokoj, sed nun tiu leĝo ekzistas. Ĉi-jare pluraj komunumoj en Francujo kreis novan regulon, kiu difinis, kian veston oni ne rajtas porti ĉe la strando. En okcidentaj landoj religiaj komunumoj kutime rajtas konstrui adorejojn al sia dio, sed en Svislando post referendumo en 2009 oni malpermesis, ke la islama komunumo konstruu minaretojn (kvankam ili ankoraŭ rajtas konstrui moskeojn). Tiaj leĝoj forprenas rajtojn, kiuj antaŭe ekzistis, kaj laŭ tiu vidpunkto oni povus konsideri ilin malpliigo de la persona kaj publika libereco.

La novaj leĝoj ne rekte atakas Islamon mem, sed la eksterajn kaj videblajn simbolojn de tiu religio. Vualitaj vizaĝoj, ĉiokovraj naĝvestoj, minaretoj: tiuj aferoj en si mem ne konsistigas danĝeron al la publiko, sed multaj homoj trovas ilin neakcepteblaj pro tio, kion ili reprezentas. Ankaŭ mi ricevas tre malagrablan impreson, kiam mi vidas virinon iri tra la strato en granda nigra surtuto kun nur mallarĝa fendo por la okuloj. Sed laŭ mi ŝi estas plenkreskulo, kiu elektis vesti sin tiamaniere, kaj kvankam mi mem ne ŝatas tion, tio estas ŝia rajto. (Direktoro de oficejo aŭ lernejo, aliflanke, havas la rajton ne dungi ŝin, se ŝiaj vestoj ne konformas al la normoj de tiu laborejo.) Cetere mi opinias, ke la novaj leĝoj havas sekvon, kiu estas precize la malo de tiu celita. Ju pli oni malhelpas al islamaj virinoj porti vualon, aŭ almenaŭ igas la situacion por ili ege malkomforta, des pli oni firmigas ilian deziron publike anonci sian fierecon pri la propra komunumo. Nuntempe en Britujo estas ne malofta okazaĵo, ke islama patrino ne sentas neceson porti kaptukon, kaj ne komprenas, kial ŝia filino tamen decidas porti ĝin.

Por ni sekularistoj, vualoj kaj burkinoj estas simbolo de religio, kiu tro ofte subpremas virinojn, kaj tial ni faras ĉion por malaperigi ilin, eĉ je jura nivelo. Farante tion, ni atakas la simptomojn anstataŭ la malsanon. Kontraŭ aktiva subpremado jam ekzistas leĝoj: deviga edzinigo kaj perforto kontraŭ virinoj estas malpermesataj en demokrataj landoj. Pli subtilaj formoj de subpremo interne de la familio estas malpli facile distingeblaj. Estus pli utile pensi, kiel eduki kaj protekti gejunulojn kontraŭ tiaj premoj, ekzemple per konstanta diskutado en lernejaj lecionoj, anstataŭ malpermesi ties eksterajn manifestiĝojn, kaj kredi ke tiel oni solvis la problemon.

**Anna Lowenstein (Britio)**

## Minaco implicita, pacemo trompa

Mi opinias, ke islamanoj estas teorie minaco al la demokratio, ĉar tio estas implicita en la Korano. Fakte ili havas *"islaman"* ĉarton de la homaj rajtoj. Dum ili sentas la neceson havi "islaman", tio signifas, ke ili ne akceptas la "oficialan" ĉarton de la homaj rajtoj. Kaj tio sufiĉas al mi por aserti, ke ili estas minaco al la demokratio.

Kompreneble mi estas preta helpi tiujn islamanojn, kiuj ribelas kontraŭ la koranaj leĝoj, kaj mi tre favore rigardas la knabinojn, kiuj klopodas eliri el sia sklaveco. Sed mi malfidas islamanojn, kiuj silentas eĉ rilate al la plej gravaj okazaĵoj, aŭ kiuj en mia lando asertas "unue la Korano, poste Italio".

Antaŭ pli ol dek jaroj mi estis en Pomaja (budhisma centro en Toskanio) por partopreni en seminario de la Itala Centro pri Sufismo, ĉar min allogis ilia tradicio, ĉefe la sufi-danco, kaj mi deziris ekscii pli rilate al ilia kulturo. Mi apenaŭ rekonis, ke ilia religio estis Islamo (kvankam unu el la georganizantoj surhavis belan bluan burĥon).

Estis pacema kaj interesa seminario, sed ... antaŭ la fino, ili asertis ke "sufiĉas dudek decidaj homoj por preni en siajn manojn urbon kiel Milano". Ni ne bone komprenis la signifon de tiu frazo, sed ĝi maltrankviligis min, kaj hodiaŭ tiu aserto eĉ ŝokas min.

**Annarosa Andrei (Italio)**

## Ĉu la ekzisto de islama malplimulto prezentas minacon al demokratio?

Ne!

En ĉiu epoko estas vorto, kiu utilas por difini bonulojn kaj malbonulojn. En ĉi tiu epoko unu tia vorto estas "demokratio". Kaj, ĉar laŭdifine ni estas la bonuloj, ni estas tiuj, kiuj estas la pastroj de demokratio. Se ni bombas Irakon, ni faras tion nome de demokratio, se ni priŝtelas peruanojn, aĉetante iliajn bananojn je dekono de la ĝusta prezo, ni faras tion nome de demokratio kaj demokratie libera komerco.

En Eŭropa Unio demokratio ne plu ekzistas, ĉar la Eŭropa Komisiono faras tion, kion ĝi volas, kontraŭ la volo de la civitanoj, kiujn ĝi laŭdire reprezentas. Mi celas la lastatempajn intertraktadojn kun Usono kaj Kanado por igi Eŭropon provinco de Usono. Tion oni nomas Interkonsento pri Libera Komerco. Fronte al tio, agiti la publikon per la fakto, ke la islama malplimulto endanĝerigus la demokration, estas io ridinda. Ĉu vi memoras pri la fabelo de la lupo, kiu akuzis la ŝafidomalpurigi la akvon, kiun li trinkas, kvankam 'longeque inferior stabat agnus' = 'tre malsupre laŭ la riverfluo staris la ŝafido'?

En ĉiu epoko la regantoj bezonas eksteran malamikon, al kiu doni la kulpon pri ĉio malbona okazanta. En la okcidentaj landoj, tio estis la judoj iam, la komunistoj en la antaŭa periodo. Poste dum iom da tempo tio estis la ĉinoj. Nun temas pri la islamanoj.

La vera problemo estas, ke islamanoj rifuzas esti ensorbitaj en la ĝeneralan loĝantaron kaj iĝi francoj, germanoj, angloj, poloj, ktp. Kun enmigrintoj el aliaj eŭropaj landoj, tio sukcesis, kaj nun italoj, kiuj elmigris al Britujo aŭ Germanujo en la 50-aj kaj 60-aj jaroj, ne plu "ekzistas". Ili iĝis britoj aŭ germanoj kaj malaperis en la ĝeneralan loĝantaron. Iom alian problemon prezentas nigruloj, kiuj pro sia haŭtkoloro ne povas malaperi, sed ili ne estas portantoj de aparta kulturo, kiu kontraŭstarus la regantan kulturon, kiun finfine en la dua

generacio ili akceptas kaj tiel iĝas francaj aŭ germanaj nigruloj [kaj cetere en kontinenta Eŭropo ili estas malmultaj ĝis nun].

Sed islamanoj estas malsamaj. Ili estas portantoj de propra kulturo kaj ili volas resti si mem, kaj ju pli la eŭropanoj iĝas islam-malamikaj des pli la islamanoj afiŝas sian islamecon. La nombro de vual-portantaj virinoj en Londono laŭ mia impreso multe kreskis en la lastaj jaroj. La problemo estis jam renkontita en Germanujo, kie la sola grupo, kiu obstinas resti si mem estas la turkoj, dum ĉiuj aliaj estis ensorbitaj.

Preter ĉiuj konsideroj pri demokratio, kiuj ne aplikeblas ĉi-rilate, restas la problemo pri tio, kion la plimultoj faru en siaj landoj. Ĉu estus penseble iri al formo de integriĝo, kiu permesas malsamecojn? Ĉu en la 21-a jarcento la plimulta dana popolo povus akcepti, ke ekzistas islama malplimulto en Danlando, kiu ne iĝos dana en la baldaŭa estonteco? Ĉu fakte la (laŭ propra takso) progresemaj kaj liberalaj eŭropanoj kapablas esti toleremaj? Mi pensas, ke tio estas malverŝajna, sed mi ne vidas alian vojon.

Alia dezirinda movo estus por ateistoj kuraĝigi la islamajn ateistojn. Ili apenaŭ povas aperi en islamaj landoj, sed jes aperas en Eŭropo. Pri la demando vidu en la angla: tps://newhumanist.org.uk/articles/4898/the-rise-of-arab-atheism .

Evidente araboj ne facile iĝas ateistoj, ĉar ĉe ili la humanisma revolucio de la 16-a jarcento (Renesanco, kiu de Italujo atingis la tutan Eŭropon) ankoraŭ ne okazis. Cetere ankaŭ por granda parto de eŭropanoj kaj usonanoj maltoleremaj ĝi ankoraŭ ne okazis.

Lasta alineo pri islamanoj kaj islamistoj. Kiu invadis kiun? Ĉu irakanoj ŝanĝis la britan reĝinon aŭ britoj ŝanĝis la irakan reĝon? Ĉu afganoj invadis Usonon aŭ inverse? Pri la kontraŭaraba politiko de Usono kaj de la tiel nomata Internacia Komunumo, mi ne volas diri ion, sed ĉu Khadafi militis en Francujo aŭ ĉu Francujo en Libio? Kaj estas normale, ke ĉiu grupo estas solidara inter si. Kiam Britujo batalis kontraŭ Argentino, ĉu britoj kaj argentinanoj ne subtenis sian propran nacion? Kompreneble oni rajtas defendi sin kontraŭ atencoj, sed oni provu forigi la radikojn de la problemo.

**Renato Corsetti (Italujo)**

## Pensoj de islamana liberpensulo

*La jena teksto estis verkita por la publika ATEO-kunveno ĉe la Nitra UK kaj laŭtlegita tie fare de la redaktoro de Ateismo.*

Enkonduke, mi diru, ke mi estas honorata ricevi inviton de ATEO esprimi kelkajn pensojn pri tre vasta temo. Mi dankas al ĝi pro ĝiaj senlacaj klopodoj disvastigi kleriĝon kaj raciemon. Mi esperas aldoni ion utilan al tiu ĉi necesa diskuto. Sed antaŭe, nome de la homaranismo, en la ĝenerala senco kaj ne la Zamenhofa, mi salutu miajn estimatajn samideanojn, kaj deziru al via kunveno plenan sukceson.

**Kiu mi estas?**

Mi prezentu min. Mi naskiĝis en islama lando, kaj estas socia, kultura islamano. Lingve, mi estas arablingvano. Mi loĝis infane en okcidenta lando, sed pasigis mian postajn jarojn en araba islama lando, kie mi ankoraŭ loĝas.

Kion mi celas, kiam mi identiĝas kiel liberpensulo? Mi volas diri, ke malgraŭ mia socia islama identeco, mi sekvas raciemon kaj logikon, aŭ almenaŭ mi klopodas sekvi ilin. Mi taksas la sciencon kiel la solan fidindan ilon por atingi scion pri la materia mondo; samtempe mi agnoskas, ke la

scienco ankoraŭ havas malfacilon esplori nian internan mondon. Mi nek subtenas disvastiĝon de ia ajn religio, nek subtenas religie subtenatan politikan projekton. Mi kredas je la centreco de la homo, kaj pro tio je la sendependa graveco de la homaj rajtoj kaj, surbaze de ili, de la demokratio kaj la leĝar-rego. Se mi subtenas religiojn je ia ajn maniero, mi nur tion faras kondiĉe, ke ilia praktiko restu privata kaj senpolitika.

**Ĉu la kresko de Islamo estas minaco por sekularismo kaj demokratio en Eŭropo?**

Ni distingu unue inter "Islamo", "politika Islamo", kaj "islamanoj." Komencante de la lasta termino, islamano estas iu ajn, kiu tiel identiĝas; tute ne gravas se oni preĝas aŭ ne, fastas aŭ ne, naskiĝis en la religio aŭ konvertiĝis. Ĉiu, kiu diras "mi estas islamano", tiu estas. Islamanoj kondutas ĉiamaniere, kaj je individua nivelo estas homoj, kaj ne "minaco."

Islamo mem estas bazita sur skribaĵoj kaj sur la agoj de la islama profeto kaj liaj kunuloj kaj familio. Temas pri grandega tradicio, nur parte praktikata kaj ĉiam ŝanĝiĝanta, depende de la tempo, loko, kulturo, lando, ktp. Grandparte, Islamo estas tio, kion la islamanoj faras, kaj tio, kion la islamanoj faras surbaze de la tradicio. Islamo tiel praktikata spektras ekde la tute mistika, pasante tra la tute individua kaj la socie bazita, kaj alvenante al la ŝtate ordonata. La lasta, kiam praktikata en realeco, aŭ celita laŭprojekte, konsistigas la politikan Islamon.

Iuj eble diras, ke ĉiuj Islamoj estas politikaj. Kaj tiel ja estis la stato kiam Islamo ekestis en la 7a-jarcenta Arabio. Tiam Islamo originis kiel tre sukcesa politika projekto. Tiu sukceso instigis konkeron kaj imperion. Poste, la estroj de la nove konkeritaj landoj bone utiligis la novan religion por konstrui kaj fortigi sian regon, kie nenia demokratio aŭ sekularismo estis konata. Tial, kiel politika projekto, Islamo ne povas esti amikema al demokratio kaj eĉ homaj rajtoj, malgraŭ la klopodoj de iuj bone prezenteblaj, ŝajne modernemaj imamoj, precize ĉar la demokratio ne estas en la DNA de Islamo denaske, kaj certe ne estis tie enkonstruita pli poste. Islamanoj povas esti demokratiaj, aparte se ili praktikas private, kion ili certe povas fari; sed "plene praktikata", historia Islamo, tia ne povas esti, ĉar en ĝi Dio regas pere de mem-elektitaj peruloj, kaj ne pere de la popolo, surbaze de ĉiele inspirata leĝaro, kiun la homaro ne aŭdacas ŝanĝi. La vera demokratio antaŭsupozas plenkreskulojn, dum la politika Islamo antaŭsupozas sklavojn de Dio.

**Ĉu islamofobio estas minaco por demokratio kaj paca kunvivado?**

Distingoj gravas, kaj ankaŭ tie ĉi ni faru gravan distingon inter kritiko de Islamo kaj islamofobio. Se temas pri kritiko, ĉu akademia, ĉu historia, ĉu politika, tion ni nepre kaj necese akceptu. Ne eblas fari alie, ĉar sen kritiko, Islamo kaj islamanoj ne dialogos laŭ la nuna epoko. Bedaŭrinde, tro sentemaj liberaluloj kaj maldekstruloj vidas ĉian kritikon pri Islamo kiel atakon, sed se oni ne lasas la raciajn voĉojn leviĝi, restos nur la ekstremistaj.

La islamofobio, kiel senracia timo, estas alia afero. Tiuj, kiuj malamas la islamanojn, kiel individuojn, kaj ilian religion, senkiale kaj tute senpense, kaj tiel kondutas politike kaj socie, certe estas minaco al la plej kleraj kaj rafinitaj valoroj de Eŭropo. Fobioj kuniĝas kun la demagogismo, kaj Eŭropo jam konas tre dolore tiun vojon kaj ĝian finon.

Konklude, mi pardonpetas pri miaj mallongaj pensoj, kaj mia nelaŭvola neĉeesto. Mi deziras al vi plenan sukceson kaj bonajn rezultojn. Dankon.

**Ali Al-Mufaddal (loĝas en araba lando)**

# Islamo, Islamofobio kaj Demokratio

## Paŭlo Gubbins pri Islamo kaj islamofobio

*Prepare al nia kunveno, mi petis al Paŭlo Gubbins, redaktoro de Monato, kontribui al nia diskuto pri Islamo kaj islamofobio. Paŭlo ne estis membro de ATEO, tamen li estis membro de Brita Humanisma Asocio, kaj certe simpatianto kun niaj celoj. Li tre volonte (kaj ankaŭ oportune rapide) sendis al mi la suban reagon, kiun mi intencis laŭtlegi dum la kunveno. Fakte, tiom da homoj deziris kontribui al la diskuto, ke mi rezignis laŭtlegi lian kontribuon, kaj decidis anstataŭe aperigi ĝin en nia revuo.*

*Verŝajne multaj el niaj legantoj jam scias, ke Paŭlo bedaŭrinde mortis tuj post la kongreso. Tio estis tre subita kaj ŝoka afero, tute neatendita, ĉar li estis nur 66-jara. Do lia suba kontribuo estis unu el la lastaj taskoj, kiujn li plenumis antaŭ sia antaŭtempa morto.*

**Anna Lowenstein (Britio)**




Kiel ateistoj reagu al Islamo? Evidente, estas "raciaj" islamanoj (raciaj, en la senco, ke ili pretas diskuti, pretas kritiki terorismon): kun homoj tiaj eblas dialogi. Sed mi kredas, ke la abismo inter islamanoj (kaj religiemuloj ĝenerale) kaj nereligiemuloj tro larĝas por permesi seriozan kaj fruktodonan dialogon. Evidente islamofobio minacas demokration, sed la plej saĝa rimedo konsistas ne el provoj "raciigi" esence neraciajn religiemulojn, sed antaŭenigi sekularismon, montri nin fieraj pri nia ateismo, lukti por humanismo kaj racio.

Jen tamen belsonaj sed malplenaj politikistaj vortoj. Kion praktike fari? Leteri al lokaj ĵurnaloj, kampanji (certe en Britujo) kontraŭ eklezie subtenataj lernejoj, ne timi eviti en privataj rondoj la temon "religio" (tro ofte ni timas ofendi aliajn – efektive religioj min ofendas, kaj do kial ne lanĉi konversacion ĝuste pri la privilegioj de – denove en Britujo – vere sensignifa instititucio, kia estas la eklezio?) Nepras nin montri, ne timi. Do anstataŭ reagi al islamanoj kaj aliaj, kiuj volas difini la tagordon, ni difinu nian. Ni do agu, ne reagu.

Tamen pli facilas vorti ol fari …

# Ateisma(j) Vivo(j)

## Forpasis tri eminentaj movadaj ateistoj

Dum la lastaj monatoj bedaŭrinde mortis du membroj de ATEO, Arnold Victor el Usono kaj Detlev Blanke el Germanujo. Krome mortis Paul Gubbins el Britujo, kunlaboranto kvankam ne membro, kaj aktivulo en Brita Humanisma Asocio. (Pri Paŭlo, bonvolu rigardi la supran tekston kun liaj pensoj pri Islamo.)

Laŭ nekrologo en *The New York Times* Arnold Victor estis "kultura, talenta novjorkano", mondvojaĝanto kaj muzikamanto, kiu flue parolis Esperanton, la francan, germanan, rusan kaj ĉinan (kaj kompreneble ankaŭ la anglan). Li magistriĝis pri lingvistiko ĉe Universitato



Victor Arnold

Georgetown kaj poste instruis en la fakultato de homaj studoj ĉe Universitato Howard. Li neatendite mortis pro kancero.



Detlev Blanke

Detlev Blanke estis unu el la plej renomaj nuntempaj interlingvistoj. Antaŭ la reunuiĝo de la du Germanujoj en 1990, li estis grava aktivulo en la movado de GDR, kiu poste fariĝis konata tra la tuta movado pro siaj verkado kaj redaktado, partopreno en konferencoj kaj projektoj, kaj multenombraj aliaj agadoj. De kiam li membriĝis en ATEO en 2014 li tuj komencis kontribui al nia revuo, en novembro 2015 per ampleksa artikolo pri la historio de ateismo en la Esperanto-movado. Ĉiuj geamikoj kaj kolegoj estis ŝokitaj pro lia subita morto en aŭgusto 2016.

**La redakcio de *Ateismo***

## Vigla diskuto ĉe ATEO-kunveno en Nitro

La publika kunveno de ATEO dum la 101ª UK en Nitro, Slovakio estis tre sukcesa. Partoprenis almenaŭ 65 homoj en plena salono. Ili vigle diskutis la duoblan temon de la kunveno: Ĉu la kresko de la islama loĝantaro en Eŭrope estas minaco por sekularismo kaj demokratio? Ĉu la reaga kresko de islamofobio estas minaco por demokratio kaj paca kunvivado?

Prezentis la temon la redaktoro de *Ateismo*, kiu montris statistike, ke la proporcio kaj plimultiĝo de islamanoj rilate al la ĝenerala loĝantaro ne estas tiom alta, kiom oni emas supozi. Eŭropanoj kutimas supertaksi tiujn ciferojn, kaj sondado dum la kunveno montris, ke ankaŭ la ĉeestantoj supertaksis, sed ne samgrade. Kelkaj el ili emfazis, ke estas grave distingi inter Islamo kaj politika Islamo. Saman argumenton ni ricevis de neĉeestanta araba esperantisto loĝanta en araba lando, kies kontribuo estis laŭlegata en la kunveno – la kontribuo aperas en tiu ĉi numero de la bulteno.

Eŭropanoj kutimas supertaksi tiujn ciferojn, kaj sondado dum la kunveno montris, ke ankaŭ la ĉeestantoj supertaksis

Ĉu islamanoj en Eŭropo plene distancigas sin de islamismaj teror-atakoj? Pri tio ĉi la partoprenantoj havis malsamajn percept-ojn. Oni komentis, ke la gazetaro ne sufiĉe atentigas pri la kondamnoj kontraŭ tiaj atakoj fare de la islama komunumo.

La ĝenerala konkludo de la kunveno estis, ke la islama loĝantaro de Eŭropo plejparte ne prezentas minacon al demokratio kaj okcidentaj valoroj, kontraste al politika Islamo. Pro manko de tempo, la dua parto de la temo, islamofobio, estis malmulte diskutata, kvankam la laŭlegita araba kontribuo ja enhavis sekcion pri tio ĉi.

Dum la kongresa semajno 19 homoj aliĝis al nia asocio, pli granda kvanto ol kutime.

**La redakcio de *Ateismo***

## Redaktoro de *Ateismo* intervjuita dum UK

Dum la Universala Kongreso en Nitro, Slovakio, la redaktoro de tiu ĉi bulteno estis intervjuita de Verda Stacio. Tiu Esperanta stacio el Ĉeĥio alŝutis serion da videoj pri la UK en YouTube, kun multaj intervjuoj de kongresanoj kaj raportoj pri diversaj flankoj de la kongresa vivo.

La intervjuo videblas en la video "Universala Kongreso de Esperanto 2016 - Raporto 8" ĉe la retpaĝa adreso https://www.youtube.com/watch?v=Hycz1RdP0MA. Ĝi komenciĝas je la punkto 0:52 kaj daŭras ĝis 4:32. Sur la video ne estas indikita, ke la intervjuito estas ligita al ATEO. Tamen la raportistino sciis pri tiu ligiteco kaj faris bonan intervjuon, metante tri ampleksajn demandojn pri religioj, kiuj ebligis relative detalajn respondojn ene de la mallonga tempo-kadro.

**La redakcio de *Ateismo***

# Verse kaj Konverse

## La blua lumo: ateisto konversacias kun Dio

*Antaŭnelonge, mistera blua diamantforma lumo, ĉirkaŭ duonmetron larĝa, subite aperis meze de la ĉambro, kie mi sidas ĉe la komputilo. La lumo trembrilis kun miloj da pulsantaj punktoj. Mi estis komplete mirigita. Voĉo eliris el la diamanto:*

VOĈO: Ne timu. Mi estas Dio.

*Ne ŝajnis esti ia genia artifiko. Kaj mi certis, ke mi ne sonĝas aŭ haluciniĝas. Baldaŭ mi estis volvita de varma sento de bonfarto kaj malstreĉiĝo*

MI: Vere? Vi estas Dio? Vi vere ekzistas?

DIO: Jes, mi ekzistas. Mi scias, ke vi estas ateisto. Vi ne kredas je mi.

MI: Nu…hm… mi **estis** ateisto ĝis vi ekaperis. Mi pensas, ke mi devas nun ŝanĝi mian vidpunkton pri tio ĉi!

DIO: Kial vi devas ŝanĝi vian opinion?

MI: Ŝajnas, ke la 80% de la homaro, kiu kredas je vi, pravis la tutan tempon!

DIO: Sed ili ne havis verajn pruvojn, ĉu?

MI: Tiel mi pensis. Sed, tutcerte, mi havas pruvon nun – rekte antaŭ miaj okuloj!

DIO: Ekde kiam pruvo estas kialo por kredi je io? Tiu 80% kredis sen pruvoj. Do, ne sentu vin devigata kredi, eĉ kun pruvoj.

MI: Mi iugrade komprenas vian aserton. Ja estas en ĝi ia simetrio. Sed mi estas raciisto, do se mi havas pruvon pri io, mi pensas, ke estas sencohave kredi je ĝi.

DIO: Mi komprenas.

MI: Tio ĉi estas vere mirinda. Mi estas ege scivolema – kiel precize vi kreis la universon?

DIO: Hmm, fakte… mi ne kreis la universon.

MI: Vi ne kreis ĝin? Sed, mi supozas, ke vi almenaŭ kreis la homaron.

DIO: Ne, mi ne faris tion. Evoluo zorgis pri tio.

MI: Nu, do… mi supozas, ke vi venis al la Tero kiel Jesuo antaŭ du mil jaroj por

disvastigi vian mesaĝon al la homaro?

DIO: Ne, tio estas fabelo. Ne ekzistis iu ajn Jesuo. Kaj, mi aldonu, ke ne ekzistis iu anĝelo Gabrielo, kiu venis al Mohamedo. Li simple inventis tiun rakonton.

MI: Ĉu vere?? Do, bilionoj da homoj ja malpravas – almenaŭ pri tiuj aferoj. Sed certe vi donis al ni nian senson de ĝusto kaj malĝusto, niajn moralajn valorojn. Certe vi metis en nin tion, kion ni nomas "konscienco".

DIO: Ne. Mi tute ne okupiĝis pri tio.

MI: Nu, mi supozas do, ke vi certe intervenas iel en niajn vivojn – respondas al preĝoj, savas vivojn, tiaj aferoj.

DIO: Ne, kial mi helpus iujn homojn, sed ne aliajn? Kial mi helpus iujn fojojn, sed ne aliajn fojojn? Kial mi savus la vivojn de iuj, sed ne de aliaj? Vi tute prave malakceptis tiun ĉi ideon.

MI: Hmmm. Nu do, se vi ne faras – kaj ne faris – iujn ajn el tiuj aferoj, kiujn laŭ kredantoj vi faras kaj faris, kion fakte vi faras?

DIO: Mi imagas.

MI: Vi imagas? Imagas kion?

DIO: Mi imagas tre kompleksan universon, plenan je galaksioj kun bilionoj da steloj kaj planedoj. Mi imagas planedon, kiun vi nomas Tero, kun inteligenta viv-formo, kiu parolas pri mi, preĝas al mi, gloras min, batalas pro mi, eĉ mortigas por mi.

MI: Kion vi diras??? Ke ni ĉiuj estas nur produktoj de via imago?? Ke la Tero kaj la tuta universo estas nur fikciaĵoj de dia fantazio??

DIO: Jes, ĝuste. Vi nur ekzistas en mia imago. Kaj mi tiom inĝenie imagis ĉion, ke ĉiuj miaj imagataj estaĵoj pensas, ke ili kaj ĉiuj aliaj ĉirkaŭ ili vere ekzistas. Ĉio estas kunordigita. Estante Dio, mi povas fari tion!

MI: Tio estas vere impona, mi devas agnoski. Sed … mi havas novaĵon por vi, Dio. Vi ne ŝatos ĝin.

DIO: Kion vi volas diri?

MI: Mi bedaŭras informi vin, ke la vero estas, ke mi imagas **vin**, kaj ne inverse! Por tiu ĉi rakonto. Mi simple faris tion, kion homoj faris dum jarmiloj, kun la diferenco, ke ili vere kredis, ke vi ekzistas!

*La blua lumo malaperis. El mia imago.*

**Nyegosh Dube (Pollando)**

## Finfine mi finlegis Malnovan Testamenton

Mi lastatempe finis longedaŭran projekton legi la tutan Malnovan Testamenton en Esperanto kaj verkis la jenan poemon:

Finfine mi finlegis Malnovan Testamenton.
Ĝi estas kurioza literatura ero,
sed certe ĝi influis tre multe Okcidenton.
Cetere estis por mi la dua konsidero,
ke Zamenhof tradukis ĉi gravan dokumenton.
Ĝuante liajn verkojn, mi legis kun espero,
eĉ se pri religio mi sentas malkonsenton.

Mi konis plurajn partojn, ekzemple pri la tero
kaj kiel Dio kreis la tutan firmamenton,
kaj pri Ijobo, kiu suferis en mizero:
pro veto Dio traktis lin kiel ekskrementon.
La lingvo ofte fluis; mi legis sur papero
sufiĉe ofte faman aŭ draman incidenton.
Sed multaj partoj tedis; mi legis kun sufero,
enuo kaj eĉ miro ripetan sortimenton
de proponitaj punoj de Dio kun severo!
La Eternulo sendos torturon kaj turmenton,
ekstermos multajn homojn, pro sia maltolero.
La homoj nur obeu kaj tenu la silenton,
respektu la potencon de forta di-gangstero
punanta furioze eĉ et-impertinenton.
La Eternulo estas la Dio de Kolero.

**Russ Williams (Pollando)**




Mi estas tiom feliĉa scii ke… / el ĉiuj diversaj religioj… / mi edukiĝis en la… / sola kiu tenas… / la realan veron

Ni vivas sen dio feliĉe
egale ĉu ine, ĉu iĉe,
ĉu proze, poeme,
sed liberpenseme,
kaj ne religie-fetiĉe.

*Limeriko inspirita de la sen-di-servo dum la Brita Kongreso en marto 2016*

**Russ Williams (Pollando)**

# La agresa kontraŭateismo de Rusio

*Publike esprimi ateismon nun povas konduki al punado de rusa civitano fare de la ŝtato. La enkarcerigo de juna bloganto en Jekaterinburgo estas simptoma de kulturo de netoleremo, en kiu eklezio kaj ŝtato laboras man-en-mane.*

En la nuntempa Rusio, esprimado de kontraŭreligiaj opinioj estas ekvivalento de tio, kion oni nomis "kontraŭsoveta agado" ĝis antaŭ 25 jaroj.

Alarma indiko de tiu ĉi nova realeco estis la novaĵo la 2an de septembro, ke Ruslan Sokolovsky, 22-jaraĝa videobloganto el Jekaterinburgo, estis kondamnita al du-monata enkarcerigo pro ludado de Pokémon Go en ortodoksa preĝejo kaj publikigado de emfaze kontraŭreligiaj videoj. Sokolovski estis akuzita pri ekstremismo kaj "ofendado de la sentoj de kredantoj" (lastatempe artikolo estis aldonita al la Kriminala Kodo kaj uzita por enkarcerigi membrojn de la punk-roka grupo Pussy Riot).

Puninte la junan bloganton, la rusa ŝtato moviĝis unu paŝon pli proksimen al teokratio. Ĝi trafis junan viron, kiu efektivigis siajn konstituciajn rajtojn je libereco de parolado, libereco de religio, kaj libereco ne havi religion, kaj sekvis la principon de apartigo de eklezio kaj ŝtato. En majo ĉi-jare, la estro de la Rusa Ortodoksa Eklezio, Patriarĥo Kiril jam klare esprimis siajn sentojn pri homaj rajtoj, kiam li kondamnis la "herezon" de iuj homaj rajtoj.

La "sentoj de kredantoj" nun estas privilegiitaj en Rusio, sed ne la sentoj de ateistoj, kiuj povus esti ofenditaj, ekzemple kiam regionaj administracioj postulas, ke registaraj dungitoj kontribuu monon "volonte" por la konstruado de preĝejoj. Tio ĉi estas nur unu ekzemplo kiel eklezio kaj la ŝtato nun unuiĝas en ĝoja harmonio – malobserve de la Konstitucio.

La Rusa Ortodoksa Eklezio popaŝe alprenas la funkciojn de la ŝtato, kaj la sekureca branĉo de la ŝtato protektas la Ortodoksan estraron. Antaŭlonge en la monda historio, eklezia juro estis nedisigebla de sekulara juro. La Kirova distrikta juĝejo en Jekaterinburgo, kiu arestis Sokolovski, efektive revenigis Rusion al la mezepoko per uzo de eklezia juro kiel sekulara juro.

Pro tiu ĉi kazo, Pokemonoj senintence fariĝis lakmusa testo por libereco en Rusio kaj simboloj de kontraŭŝtataj agadoj.

La Rusa Ortodoksa Eklezio popaŝe alprenas la funkciojn de la ŝtato

Tia aresto eblis ĉar ekde junio 2012, Rusio aprobis pli ol 30 leĝojn, kiuj plivastigas la aŭtoritaton de leĝ-efikigaj instancoj kaj limigas la rajtojn de la civitana socio. Sed la ĉefa punkto ĉi tie estas ke etoso de netoleremo estas kultivata en Rusio en la lastaj jaroj, en kiu politikistoj povas estis murditaj, kaj junaj homoj, kiuj asertas siajn personajn valorojn povas esti enkar-cerigitaj. Denuncado de aliaj fariĝis ilo de ŝtata politiko. Sokolovski estis arestita post kiam ĵurnalisto de la retportalo Ura.ru proponis krimenketon por konstati, ĉu lia agado atencas la sentojn de kredantoj. Efektive, la ĵurnalisto denuncis lin.

Estas klara mesaĝo en la rakonto de Sokolovski: se vi senkaŝe esprimas ateism-ajn opiniojn, vi nun povas finiĝi en malliberejo. Sokolovski estas sendefenda antaŭ la eklezia-ŝtata giganto. La rus-ortodoksa estraro plejparte silentas, kvan-kam pastroj en Jekaterinburgo proponis eduki la video-bloganton pri la eraroj de lia konduto. Ankaŭ la politika klaso silentas – ĝi timegas homojn kiel Sokolovski, imagante, ke ĉiu el ili estas personigo de la

revolucia Majdana fenomeno.

La juna bloganto almenaŭ povas esti dankema, ke laŭ la klarigo de eklezia oficialulo, Vladimir Legoida, la Rusa Ortodoksa Eklezio "ne deziras elpremi sangon ĝis la lasta guto".

*Artikolo originale verkita ruslingve de Andrei Kolesnikov kaj publikigita en Gazeta, poste tradukita anglen kaj aperigita en la retejo de la Carnegie Moscow Center. Plutradukita el la angla al Esperanto (en mallongigita formo) de la redaktoro. La angla versio videblas en la jena retpaĝo: http://carnegie.ru/commentary/?fa=64544 (12 septembro 2016)*

## Polinoj protestas radikal-katolikan atakon kontraŭ siaj rajtoj

Ekde 1993, Pollando havas unu el la plej rigorajn kontraŭabortigajn leĝojn en Eŭropo, rezulte de la forta pozicio de la katolika religio en tiu ĉi lando. Sed por iuj grupoj de pli radikalaj katolikoj, tiu rigoro ne sufiĉas, ĉar la leĝo tamen permesas esceptojn se virina vivo estas en danĝero aŭ gravediĝo okazas pro seksperforto aŭ incesto. Du tiaj organizaĵoj, Fondaĵo Pro kaj Ordo Iuris, kolektis 450,000 subskribojn por nova leĝo, kiu tute malpermesus abortigojn. Ili facile gajnis la subtenon de la reganta partio Juro kaj Justeco (PiS).

Kvankam la iniciato estis ĝenerale subtenata de la pola katolika eklezio, ĝi estis iom tro radikala eĉ por la eklezia episkoparo, kiu kontraŭstaris la enkarcerigon de virinoj kiuj malobeas la kontraŭabortigan leĝon, kiel postulis la leĝ-propono. Do, ene de la eklezio aperis fendo rilate al tiu ĉi iniciato.

En oktobro la mondo rigardis dum centoj da miloj da polaj virinoj partoprenis en tutnacia striko kaj amasprotestoj kontraŭ la radikala leĝ-propono, nomitaj "Nigra Protesto". Multaj virinoj eliris en la stratojn de polaj urboj en nigraj vestoj. La dua etapo de la protesto okazis tri semajnojn poste, kiam koalicio de virinaj grupoj organizis manifestacion antaŭ la parlamento kaj multajn aliajn eventojn en la stratoj de polaj urboj. Ili postulis, ke politikistoj kaj la ŝtato tenu siajn manojn for de iliaj korpoj kaj respektu iliajn rajtojn.

Ambaŭ etapoj estis inspiritaj de striko, fakte amase organizita libera tago, kiu okazis en Islando en 1975. La diferenco estas ke la islanda kampanjo estis bone preparita dum dek monatoj kaj altiris la subtenon de multaj civitanaj organizaĵoj, dum precipe la dua parto de la polaj protestoj, en mia opinio, estis nesufiĉe preparita, kun nesufiĉe da klopodoj plivastigi engaĝiĝon de la civitana socio. Tamen, la protestoj sukcesis haltigi parlamentan laboron pri la nova leĝo. La registaro kaj la reganta PiS-partio retiris subtenon por ĝi, almenaŭ provizore.

La katolika eklezio kaj gamo de katolikaj organizaĵoj daŭre estas potencaj kaj influaj en la pola socio kaj politiko. En la nuna parlamento estas verdire neniu partio, kiu emas aŭ kuraĝas kontraŭstari ilin. Nekredeble, neniu maldekstra partio estas plu reprezentata post la lasta parlamenta elekto. Do, des pli mankas politikaj fortoj por defii la potencon de agresema altrudema katolikismo. Tial, tre gravas civitanaj organizaĵoj, movadoj kaj retoj. La Nigra Protesto montris, ke multaj poloj rifuzas akcepti agadojn, kiuj celas malhelpi Pollandon fariĝi moderna, libera, progresema socio. Certe, humanismaj, ateismaj kaj raciismaj organizaĵoj en tiu ĉi lando havas gravan rolon en la klopodo antaŭenigi sekularismon kaj protekti demokratajn liberecojn fronte al la potencaj reakciaj fortoj, kiuj nun plagas Pollandon.

**Andrzej Dominiczak, prezidanto de Pola Humanisma Asocio**

## Eklezioj en Ĉeĥio postulas kaj rehavas posedaĵojn




Oni diras, ke Ĉeĥio estas la plej ateisma nacio. Ni tamen estas tre toleremaj. Vivis dum jarcentoj ĉe ni katolikoj, protestantoj kaj judoj. Eĉ la komunistoj pagis al pastroj salajron. En 2014 nia ŝtato per leĝo redonis al eklezioj posedaĵojn, kiuj estis ŝtatigitaj post la jaro 1948 arbarojn, kampojn, konstruaĵojn, palacojn, bierfarejojn kaj ankoraŭ 60 jarojn ni pagos altajn interezojn al ili.

La tuta afero estis tre rapide farita kaj la registaro tuj post akcepto de la juĝo falis. Precipe estas la katolika eklezio (la plej granda ĉe ni), kiu ricevas posedaĵojn, kiujn ĝi ne povas mastrumi mem, ĉar pastroj mankas kaj kredantoj estas malmultaj. Krome, la centro de katolika eklezio ne estas en nia lando, diocezoj ne sekvas politikajn landlimojn, kaj la Papo regas ilin de alia ŝtato, Vatikano. Ni vidas, ke la eklezio luigas akiritajn posedaĵojn kaj ni pagas luprezon – aŭ ĝi tuj vendas ilin.

Nun okazas traktoj ĉe tribunalo, iniciatitaj de la katolika eklezio, kiu postulas ĉu valorajn bildojn, ĉu katedralon, kie kuŝas la ostoj de niaj reĝoj, ĉu grundojn sur kiuj eĉ de kvindek jaroj staras novkonstruitaj lernejoj, institutoj, fabrikoj. La eklezio tute ne kondutas kiel servisto de la socio.

**Jindřiška Drahotová (Ĉeĥio)**

## Humanistoj, blasfemado kaj Grekujo

Ĉu estas juste, ke la greka registaro dediĉu jarojn al jura proceso kontraŭ homoj, kiuj afiŝas tiajn bildojn? Jen detalo el satira paĝo en Fejsbuko, Patro Pastitsios, fermita en 2012 kiam ĝia kreinto estis arestita pro blasfemado. La kazo vekis naciajn kaj internaciajn protestojn.




En junio de ĉiu tiu jaro pli ol 50 humanismaj kaj sekularismaj organizaĵoj el la tuta mondo, inkluzive de la Internacia Humanisma kaj Etika Unuiĝo (IHEU) kaj la Humanisma Unuiĝo de Grekujo (HUG), publikigis leteron al la greka registaro, postulante ke ĝi respektu la rajton je liberaj pensado kaj esprimado, kaj finfine forigu siajn leĝojn kontraŭ blasfemado.

Laŭ Andrew Copson, Prezidanto de IHEU, "Ĉiu respektinda instanco, kiu okupiĝas pri homaj rajtoj, kaj ankaŭ la gvidado de Eŭropa Unio rilate al libereco de religio aŭ kredo, konsentas ke leĝoj kontraŭ 'blasfemado' estu nuligitaj. Tiaj leĝoj ĉiam enhavas konfuzan mikson de kontraŭdiroj, kaj ne eblas apliki ilin konsekvence. Kiam oni ja aplikas tiajn leĝojn, kutime kun la celo silentigi malplimultajn voĉojn interne de la socio, la sekvo ĉiam estas malatenti la normojn pri homaj rajtoj, ĉar tiuj leĝoj punas aŭ malhelpas liberan esprimadon. En Grekujo tio ne estas hipoteza problemo. Viktimoj de la leĝoj kontraŭ blasfemado estas submetitaj al longedaŭraj procesoj,

kaj foje ricevas kondamnon pro tiu senviktima krimo."

Dum la 33a sesio de la UN-Konsilantaro pri Homaj Rajtoj en septembro 2016, Brazilo alvokis al la ŝtatoj malkrimigi blasfemadon, kaj krome malpermesi la disvastigon de rasismaj opinioj kaj kontraŭleĝigi organizaĵojn, kiuj incitas al rasa diskriminacio. Reprezentanto de pluraj humanismaj asocioj, inkluzive de IHEU kaj HUG, laŭtlegis deklaron subtene al la brazila propono.

En sia deklaro, tiuj asocioj aparte menciis la leĝon kontraŭ blasfemado en Grekujo. En tiu deklaro aperis jena paragrafo: "Certigu ke Grekujo realigos sian promeson garantii religiajn liberecon kaj toleremon per malkrimigo de blasfemado, laŭ la rekomendo de la brazila delegitaro." Sekvis postulo, ke Grekujo nuligu la du paragrafojn en sia krim-leĝaro, "kiuj estas uzataj diskriminacie nur en kazoj de blasfemado kontraŭ la oficiala Ortodoksa Kristana religio".

Panajote Dimitras, reprezentanto de HUG, komentis: "Per tiu deklaro, NROj la unuan fojon atentigis la Konsilantaron pri Homaj Rajtoj pri la neceso, ke la grekaj leĝoj pri homaj rajtoj konformu al la nuntempaj normoj: t.e. ke Grekujo malkrimigu blasfemadon kaj rekrimigu esprimadon de rasa malamo. Ĝis nun, nur instancoj de UN traktis tiajn problemojn en Grekujo."

**Anna Lowenstein (Britio)**

## Ateistoj sen reprezentado en usona politiko

Religia ligiteco restas lakmusa testo en Usono, kaj la ideo, ke ateisto povus okupi ŝtatan oficon kolerigas religiajn zelotojn. La kredoj de la religiaj popolamasoj estas tro ofte altruditaj al ni nekredantoj en politiko kaj aliaj sferoj, kaj tiuj kiuj neas la ekziston de supera estaĵo tro ofte ne havas politikan reprezentadon.

Ne estas eĉ unu membro de la Kongreso [*usona parlamento – red.*], kiu senkaŝe nomas sin ateisto. Kompreneble, ankaŭ neniam estis ateísta prezidanto. Dum tiu ĉi elektokampanjo, kiam oni sugestis, ke Bernie Sanders eble estas sekrete ateisto, la rezultanta agitiĝo devigis lin komplete nei tiom ofendan akuzon. Kiam la novaĵ-titoloj komencis indiki, ke Usono finfine akiros sian unuan ateistan kongresanon, Demokrata kandidato en Marilando Jamie Raskin, li ankaŭ sentis sin devigata nei ĉiujn asertojn, ke li estas ateisto.

Rilate al Sanders estas ironie, ke opinienketo de Gallup trovis pasintjare, ke 58% da usonanoj voĉdonus por ateisto kandidatanta kiel prezidanto, dum nur 47% voĉdonus por socialisto. Plue, la nombroj de ni nekredantoj kreskas. Opini-enketo de Pew el pasinta jaro trovis, ke preskaŭ kvarono da usonanoj deklaras, ke ili havas nenian religian ligitecon.

"Neniu prezidanto, kiu ne komencas sian tagon preĝante surgenue taŭgas esti la ĉefkomandanto de tiu ĉi lando," diris Senatano Ted Cruz pasintjare dum elektokampanjo.

Kiam voĉdonantoj elektis John F. Kennedy en 1960, ĉirkaŭ kvarono de la loĝantaro estis katolika, kiel Kennedy. Ĉar nuntempe nekredantoj estas same multenombraj, ŝajnas, ke ni estas tute pretaj por prezidanto, kiu ne komencas sian tagon ĉiumatene surgenue. La eklezio estas potenca en tiu ĉi lando, kaj ni dimalakceptantoj ne estas bone organizitaj, do necesos iom da tempo.

Sed certe ni estas pretaj por kelkaj ateistoj en la Kongreso. Sen iuj ajn ateistoj aŭ agnostikuloj en la Kongreso, milionoj da usonanoj havas neniun en la federacia

registaro, kiu spegulas ilian mankon de pieco kaj deziron protekti ĝin. Elektitaj oficialuloj luktas politike por certigi ke religia libereco estu protektata, sed tro malmultaj zorgas protekti la liberecon ne esti religia.

La malbona sorto de la nekredanta politikisto ne estas io nova en Usono. Kiam Thomas Jefferson en 1787 proponis konstitucian amendon, kiu malebligus al la registaro trudi religion al la civitanaro, li estis kalumniita kiel ateisto kaj senmoralulo. La patroj-fondintoj de Usono plejparte komprenis, ke homoj ne povas esti liberaj, se ili estas devigataj akcepti kredojn altruditajn de siaj regantoj.

Malgraŭ la protektoj de la Unua Amendo al nia konstitucio, ni nun troviĝas en lando, kie Dio estas menciita sur niaj monbiletoj kaj en la Ĵuro pri Fideleco [*"unu nacio sub Dio"* – *red*.], kie religiaj ideoj invadas niajn lernolibrojn kaj leĝojn. Ni havas vicprezidantan kandidaton Mike Pence, kiu deziras, ke entreprenoj rajtu diskriminacii kontraŭ gejoj pro religiaj kialoj.

La Respublikana Partio estas, kompreneble, la partio de religiaj dogmoj, kaj ni vidas tion en la Respublikanaj sintenoj pri abortigo, geja geedziĝo, klimato, kaj multaj aliaj aferoj.

Religio estas unu el la multaj iloj uzataj por regi homojn kaj timigi ilin ĝis submetiĝo. Eble tio estas unu el la kialoj, kial registaraj oficialuloj tre volonte protektas ĝian lokon en la politika vivo. Tamen, ni nun loĝas en lando, kie granda parto de la loĝantaro tute ne havas religiajn kredojn, kaj ege deziras, ke religio restu ekster iliaj vivoj. La fakto, ke neniu elektita membro de la federacia registaro mem havas tian opinion, estas neakceptebla. Usono ne rajtas nomi sin reprezenta demokratio, kiam nur parto de la voĉdonantaj loĝantoj estas reprezentata.

*Artikolo de Thor Benson tradukita el la angla al Esperanto (en mallongigita formo) de la redaktoro. Ĝi originale aperis en la liberala-maldekstrema retejo Salon: http://www.salon.com/2016/10/30/one-nation-under-no-god-atheists-more-than-any-religion-have-been-excluded-from-the-election/ (30 oktobro 2016)*

# ATEISMO

**organo de ATEO**
**Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo**




Bonvolu sendi viajn artikolojn al la redaktoro: ateismo.bulteno@gmail.com
Por informoj: **Anna Löwenstein**, anna.lowenstein@esperanto.org

Prezidanto: (*Vakas*)
Vicprezidanto: Dominique Simeone, Francio
Sekretario: Anna Löwenstein, Italio
Kasisto: Dieter Rooke, Svislando
Estrarano: Jakvo Schram, Belgio
Redaktoro: Nyegosh Dube, Pollando

Jarkotizo: 10 € por A-landoj
8 € por B-landoj